# INTERNACIA MEDICINA REVUO



**Oficiala Organo de TUTMONDA ESPERANTISTA KURACISTA ASOCIO** (T. E. K. A.)

Monata ligilo de la kuracistoj, farmaciistoj kaj aliaj medicinrilatantaj profesianoj.



REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO

**20, rue aux Laines, BRUXELLES (Belgujo)**

Poŝtĉekkonto: Bruxelles nº 28.14.51. — Telefono 11.34.69.

**9a Jaro** **N-ro 1a** **Januaro 1931**

### ABONOJ

Ĉiuj abonoj komenciĝas de la nº 1.

**Ordinara eldono** kostas, por unu jaro, unu usonan dolaron, aŭ samvalore.

**Luksa eldono,** sur baritpapero, estas rezervata al la subtenantaj membroj, kiuj pagos almenaŭ trioblan kotizon.

SIN TURNI

Pri originalaj sciencaj artikoloj kaj aŭtoreferatoj, al D-ro ROBIN, Marszalkowska, 113, Warszawa (Polujo)

Pri referatoj aŭ tradukoj el ĉiulandaj medicinaj ĵurnaloj al D-ro BLASSBERG, Starowislna ul 18, Krakow (Polujo).

Pri esperantista kroniko kaj fakvortara diskutejo al D-ro BRIQUET, 48, boulevard Montebello, Lille (Francujo).

Por mendo kaj pago de anoncoj, al la firmo M. WITTENBERG, Lietzenburgerstr. 4, Berlin W. 15 (Germanujo).

### ANONCOJ

HAVAS ANONCRAJTON POR ĈIUJ LANDOJ :

**La firmo WITTENBERG, Lietzenburgerstr. 4, BERLIN W. 15, GERMANUJO.**

*La teksto de la anoncoj estos senpage tradukata en Esperanton.*

9a Jaro N-ro 1a Januaro 1931

# INTERNACIA MEDICINA REVUO

*Internacia Medicina Revuo* estante sendependa diskutejo, nek aprobas nek malaprobas la ideojn de siaj korespondantoj, kiuj sole respondas pri la opinioj esprimataj kun ilia subskribo.

La redakcio rezervas al si la rajton mallongigi la manuskriptojn kaj korekti ilin, sed nur laŭ lingva vidpunkto.

La senditaj tekstoj estu, se eble, skribitaj *permaŝine*; almenaŭ ili estu *klare* skribitaj. Ne publikigitaj ili ne estas resendataj. La aŭtoroj de originalaj artikoloj ricevos laŭeble 25 represigojn de sia verko.

Reproduktoj kaj tradukoj estas nur permesataj kun *indiko de deveno*.

# ENHAVO



**Se vi deziras la ricevi la sekvontajn numerojn de I. M. R. sendu tuj vian abonpagon.**

# INTERNACIA MEDICINA REVUO

## NAŬA JARKOLEKTO

## 1931



D-ro A.-R. FIŜER †
1855-1930

92 (FIŜER, Andreo)

D-ro Andreo FIŜER estis filo de metiisto. Li naskiĝis en urbo Orel en la 1855 jaro. Mezklerigon li finis en urba Orel gimnazio, kaj superan en Peterburgan Milit. Medicina Akademio. Post fino de plena kurso en Akademio, D-ro FIŜER oficis dum tri jaroj en Orlova gubernio kiel distrikta kuracisto kaj ĝis 1899 jaro en Milit. Medicina Akademio, kiel asistanto de profesoro en akuŝista-ginekologia kliniko, kaj samtempe laboris kiel pedagogo en meza

milit-medicina lernejo. Dum ĉi tiu Peterburga vivperiodo D-ro FIŜER aktive partoprenis laboron en multaj Peterburgaj medicinaj sciencaj societoj kaj en kuracista asocio de reciproka helpo. En 1899 jaro, D-ro FIŜER estis enoficigita en urbo Tiflis (ĉefurbo de Kaŭkazio) kiel direktoro de Tiflis'a akuŝista Instituto, kie li laboris ĝis 1921 jaro. Dum Tiflis'a vivperiodo, D-ro FIŜER samtempe multe laboris kiel pedagogo en Tiflisaj kuracisthelpantaj lernejoj, en superaj virinaj medicinaj kursoj kaj en Transkaŭkazia Universitato. Post soveta revolucio en Kartvelio en 1921 jaro, D-ro FIŜER restis en Tiflis kaj laboris kiel kuracisto en oficejo de plenrajtigito de R. S. S. R. en Kartvelio.

En 1924 jaro, D-ro FIŜER transloĝiĝis en Leningrad kie li oficis ĝis sia morto kiel ĉefkuracisto en akuŝista Instituto je la nomo de D-ro WIDEMANN. En la 1925 jaro D-ro FIŜER estis enmembrigita en Unuiĝo de sciencaj laborantoj. La 20an de majo 1930, D-ro FIŜER mortis pro arteriosklerozo, en la 75a jaro.

D-ro FIŜER havis grandegan aŭtoritaton inter siaj kolegoj-kuracistoj, lernantoj kaj pacientoj. Li estis ŝatata kuracisto, pedagogo kaj socia laboranto. Ni esperantistoj konis kaj amis D-ron FIŜER ne nur kiel bonan kuraciston, pedagogon kaj honestan civitanon, sed ankaŭ kiel unu plej malnovan, aktivan esperantiston, kunlaboranton kaj samideanon de nia Majstro D-ro ZAMENHOF. Pli ol 37 jaroj, D-ro FIŜER senĉese kaj senlace laboris por kaj per Esperanto. Li estis unu el ĉeffondintoj de l'Kaŭkazia esperantista societo en Tiflis, kie li prezidis dum multaj jaroj. D-ro FIŜER havis tre multenombran kaj multekostan propran esperantan bibliotekon, kiun li oferdonacis al Tiflisa Esperantista societo en la jaro 1924, dum sia forveturo el Tiflis.

D-ro FIŜER havis grandegan interkorespondadon kun esperantistaro preskaŭ el ĉiuj partoj de l'mondo kaj krom tio li vizitis dekojn tutmondajn esperanto-kongresojn. En la 1929 jaro D-ro FIŜER estis elektita kiel honora membro de Tutsovetia Esperantista Medicina Sekcio kaj malgraŭ sia maljuneco kaj kadukeco li tamen aktive partoprenis en la laboro de l'sekcio. Ĝis lastaj horoj de sia vivo, D-ro FIŜER propagandis Esperanton, kaj kiam li lastfoje kuŝis eĉ en malsanulejo dum majo 1930, li esperantigis multajn malsanulojn. D-ro FIŜER estis ne nur bonega propagandisto, sed ankaŭ eminenta pedagogo-esperantisto, kiu ĉiam havis finsukcesojn en sia pedagoga laboro. Morto de D-ro FIŜER estas grandega perdo por esperantistaro kaj precipe por esperantistoj-medicinistoj. Memoro pri lia multvalora vivo kaj agado eterne restos en koroj de esperantistaro kiel simbolo de mirinda, senlaca sindonemeco al nia Ideo.

D-ro GOGITIDZE (Leningrad).
Sekretario de T. E. M. S.

■■■■■■■■■■■■■■■■

## NIA HONORA PROTEKTANTARO

D-ro Isi GUNZBURG, Profesoro ĉe la Brusela Universitato, bonvole akceptis eniri en nian honoran protektantaron. Ni sincere dankas lin por tiu pruvo de varma simpatio al nia afero.

■■■■■■■■■■■■■■■■

# ORIGINALAJ ARTIKOLOJ

*El la histologia Laboratorio de la Medicina Fakultato de la Universitato de Bruxelles.*

## LA AGO DE URINO DE GRAVEDA VIRINO SUR LA TESTIKO KAJ LA GENERA ORGANARO DE LA NEMATURIĜA VIRRATO

de D-ro R. BOURG (Bruxelles).

618.2—078

STEINACH kaj KUN (1) en bela verko montris ke la ago de la ekstraktoj de antaŭa hipofiza lobo de bovo kaŭzas disvolviĝon de la tuta genera organaro de virrato nematuriĝa aŭ maljuneca. Aliflanke, per plurfoja enplantado de hipofizo de plenkreska rato al la nematuriĝa, SMITH kaj ENGLE (2) sukcesis kaŭzi antaŭtempan maturiĝon de la genera organaro de nematuriĝaj ratoj, same kiel ili sukcesis kaŭzi ovulan ellason ĉe nematuriĝaj inoj. Aliaj verkoj, inter aliaj tiuj de ZONDEK kaj ASCHHEIM (3), montris la gravan rolon kiun ludas la funkciado de la antaŭa hipofiza lobo en la disvolviĝo de la generaj glandoj. Se al tio oni aldonas la rezultojn de hipofizektomio, kiun faris inter aliaj SMITH (4) ĉe la rato, kaj kiu kaŭzas ovarian atrofion, tiom ke, rilate al la seksa vivo de tiuj bestoj, ĝi egalas kastradon plej bone efektivigitan, ŝajnas nekontraŭstareble nuntempe, ke la generaj glandoj dependas en ambaŭ seksoj, de la agado de la antaŭa hipofiza lobo, t. e. de hormono ne diferenca laŭ seksa vidpunkto, ĉar ĝi sin montras identa kaj samvalora ĉe la viro, ĉe la virino aŭ ĉe la kastritulo. La antaŭa hipofiza lobo, kies funkcioj apenaŭ estis konataj antaŭ 10 jaroj pro tio nun venas je la unuan vicon de la endokrinaj glandoj de la organismo, kaj tio je la diversaj ŝtupoj de la vertebrula serio.

ZONDEK kaj ASCHHEIM (5) montris, ke la cirkulanta sango kaj la urino de gravedaj virinoj enhavas specialan substancon, kiun oni nur tute escepte trovas en aliaj statoj (kanceroj de la generaj organoj ekzemple*).

La agadsameco de tiu substanco kaj de la hipofizaj ekstraktoj permesis starigi hipotezon, sendube tre kredindan, sed kiu laŭ ni, ne tute ankoraŭ estas eksperimente pravigita : la antaŭa hipofiza lobo ricevus, de la komenco de la gravedo, pliigitan funkcian aktivecon kaŭzante ellasadon de granda hormonkvanto en la cirkuladon.

Tiu substanco aperas jam dum la unuaj tagoj, kiuj sekvas la mankantan menstruacion (meznombre : 8 tagoj) kaj ĝia ekzisto estas facile pruvata per ĝia ago sur la ovario de nematuriĝa muso, kie ĝi kaŭzas enfoliklajn hemoragiojn (sangpunktoj) kaj formadon de ŝajnaj luteaj korpoj.

---

* Oni ankoraŭ ne tute povis pruvi ke tiu substanco, kiu ekzistas en tiuj kanceraj kazoj, estas tute la sama, kiel tiu, kiu ekzistas en urino de graveda virino.

Tiel estis starigata rimedo por diagnozi gravedon frue, kaj ankaŭ en la kazoj klinike malfacilaj aŭ dubaj.

Santempe kun aliaj aŭtoroj (STEINACH kaj KUN, BROUHA kaj SIMONNET (7), SMITH kaj ENGLE) ni (6) studis la agon de tiu substanco ĉe la nematuriĝa virrato. Ni povis konstati ĝian efikon tute lokalizita je la interspaca testika glando, kies ĉeloj




Fig 1a.

Skemo de la testikoj montranta, kompare al la atestanto A, la hipertrofion de la interĉelara glando (forte nigra) de la nematura virrato B, kiu ricevis $5 \times 1$ cm³ da urino de gravedulino. En la kartuŝo, kelkaj forte pligrandigitaj ĉeloj de la interĉelara glando.

fariĝas vastaj, multnombraj, ŝarĝitaj je sekrecioj, dum la generaj ĉeloj restas tute neŝanĝitaj dum la tagoj kiujn la eksperimento daŭras. La organaro prezentas, en ĉiuj siaj adneksaj glandoj kaj en ĉiuj siaj duktoj, hipertrofion rimarkeblan makroskope. Tiun ĉi akompanas mikroskope multnombraj mitozoj kaj abunda sekrecio.

Tiuj faktoj estas interesaj laŭ pluraj vidpunktoj :

1. Ili konfirmas la agad-homologion de la aktiva substanco entenata en la urino de graveda virino kaj de la hipofiza ekstrakto ;




Fig. 2a.

Skema montranta la hipertrofion de la epididimo B, post injekto de $5 \times 1$ cm³ da urino de gravedulino.

2. Ili permesas apliki al la virbesto la serĉadon de la biologia provo de la gravedeco, kies rezulto kelkfoje estas malfacile legebla makroskope ĉe la ino pro la ago, sur la ovario kaj sur la genera organaro de substancoj entenataj en urino de *ne graveda* virino ekzemple : *a*) la *Prolan I* de ZONDEK kaj ASCHHEIM kiu kaŭzas fruan maturadon de la ovariaj folikloj kaj *b*) *la foliklino,* kiu lasas la ovarion netuŝita kaj agas rekte sur la organaro, kaŭzante en ĝi la karakterizajn ŝanĝojn de la seksardo;




Fig. 3a.

Skemoj montrantaj la reakcion kaŭzatan de 5 injektoj de 1,1 cm$^3$ da urino de gravedulino sur la generan organaron de nematura virrato, unumonataĝa.
T = tesitko, E = epididimo, c. d. = deferenta dukto, v. s. = sperma veziketo, P. = prostato, G. C. = uretra glando de Cowper, G. P. = prepucia glando, P = peniso.

3. Unu plian fojon, ili montris ke la disvolviĝo de la adneksaj glandoj de la genera aparato, kiuj ĉe la mambestoj formas la grupon de la t. n. *akcesoraj seksaj karakteroj* dependas de la funkciado de la interspaca testika glando, tiamaniere konfirmante la teorion tiom defendatan, kiom atakatan, de BOUIN kaj ANCEL (9) kiuj lokigas en ĝi la sekrecion de la seksa vira hormono ĝuste nomita.

Serio da eksperimentoj de ni faritaj (10) pli poste konfirmis tiun vidmanieron montrante : *a*) ke la kastrado forigas la agon de la ovarioaktiva urinsubstanco sur la genera organaro; *b*) ke radioterapio, detruante la generajn ĉelojn sed ne tuŝante la interspacan glandon, permesas postan hipertrofion de tiu ĉi per plurfoja enspruĉado de urino de graveda virino; la aktiveco de la interspacaj ĉeloj de tiuj testikoj sin montris per rimarkinda hipertrofio de la genera organaro de tiel traktitaj bestoj.

Tiamaniere estis starigataj novaj argumentoj favoraj al la grava rolo, kiun ludas la interspaca testika glando en la seksa aktiveco de la virbesto.

BIBLIOGRAFIO.

(1) STEINACH & KUN. — *Mediz. Klink*, 1928, n° 14.
(2) SMITH & ENGLE. — *Americ. Journ. of Anat.*, 1927-1929, t. 10.
(3) ZONDEK & ASCHHEIM. — *Klin. Woch.*, 6, 1927.
(4) SMITH. — *Anat. Rec.*, 32, 1926.
(5) ASCHHEIM. — *Die Diagnose der Schwangerschaft*, Berlin, 1930.
(6) BOURG. — *C. R. Soc. belge de Biol.*, CIV, p. 107 ; p. 109.
(7) BROUHA & SIMONNET. — *3e réunion physiologique*, Roscoff, 1929.
(8) ZONDEK & ASCHHEIM. — *(Prolan I)*.
(9) ANCEL & BOUIN. — *C. R. Ac. Sciences*, Paris 1904.
(10) BOURG. — *C. R. Soc. belge de Biol.*, juin 1930.

................

## MALKARA MEMKONSTRUITA APARATO POR ARTEFARITA PNEŬMOTORAKSO

de D-ro P. TANKOV (Soĉi, Kaŭkazo)

---

616.25 — 085.417.7 — 7

Artefarita pneŭmotorakso estas unu el aktivaj metodoj de kuracado de la pulma tuberkulozo ; ĝia tekniko estas facila, sed ofte modesta budĝeto de kampara kuracejo aŭ de izola vilaĝa kuracisto ne permesas al li akiri la fabrikan aparaton. Kiam mi estis en vilaĝo, mi konstruis tre simplan, tre malkaran kaj plene celtaŭgan aparaton por la artefarita pneŭmotorakso, kies konstruon mi ĉi sube priskribas.

Unu botelo-gazometro « G » je 800-1000 kub. centim., kun larĝa gorĝo, kun kaŭĉuka korko. Tra la korko estas trakondukitaj du vitraj tubetoj de diametro je 5-7 milimetroj, unu mallonga, dua aliranta preskaŭ al la fundo de la botelo. La gazometro estas gradigita jene : preninte 100 kub. cent. da akvo kaj enverŝinte ĝin en la botelon, oni skribas per emajla inko sur la vitro « 100 », enverŝinte 200 k. c. oni skribas « 200 » k. t. p. ĝis « 800 », - « 1000 ». Sur la mallongan vitran tubeton estas surmetita la kaŭĉuka tubeto « a » 25-30 cent. longa, de kiu foriras malsupren du tubetoj — « apendiksoj » — unu longa je 15-20 cent. kaj dua longa je 1 metro ; ambaŭ tubetoj estas distranĉitaj kaj ĉi tie estas enigitaj la vitraj aer-filtroj (F.F) kun sterila vato. Inter la « apendiksoj » la tubeto « a » estas kunpremita per premilo de Moor (aŭ de alia konstrukcio) ; tia premilo estas ankaŭ sur la libera ekstremaĵo de la mallonga branĉo. La maldekstra ekstremaĵo de la kaŭĉuka tubeto « a » estas surmetita sur la tubeto de l'manonetro « M ».

Por la manometro necesas vitra tubeto kun diametro de 5-7 cent. kaj longa je 90 cent. : ĉi tiu tubeto estas fleksata en la flamo de « Primus » U-simile. Sur ĝia libera (maldekstra) ekstremaĵo estas surmetita mallonga kaŭĉuka tubeto « d » kun malgranda vitra funelo « f » ; inter la genuoj de l'manometro estas metita skalo (papera aŭ

alia), sur kiu estas notitaj la gradoj, meze O, kaj supren kaj malsupren trans unu centimetro 1, 2, 3 k. t. p. ĝis 20. Tra la funelo estas enverŝata kolorigita akvo ĝis nulo.




En la ekstremaĵon de l'kaŭĉuka tubeto « c » estas enigita t. n. « transira » kanulo por punkcinadlo, « k ».

Kaj la lasta parto de mia aparato estas la vitra kruĉo de Esmarch (Esmarĥ-Klizmokruĉo). Ĝi estas kunigita kun la gazometro per kaŭĉuk-tubeto « b », longa je 1 metro. La supra aperturo de l'kruĉo estas kovrita dutavole de sufiĉe densa bindgazo (kontraŭ polvo). La partoj de l'aparato : la gazometro, la manometro, la tubeto « a » kaj la aerfiltroj estas fiksitaj per metalfadeno sur fortika ligna tabulostativo granda je 50 × 35 ctm. (TS).

Se malestas speciala punkcinadlo por pleŭro, ĝi povos esti farita el dika ŝprucilnadlo. Por tio necesas enluti per arĝento ĝian akran ekstremaĵon deakrigi je pli malakra angulo kaj trabori flanke trueton (vidu desegnaĵon).

Do, por la aparato estas necesaj 1 botelo-gazometro, 140-150 ctm. da kaŭĉuk-tubeto, 125-130 ctm. da vitra tubeto ambaŭ de diametro je 5-7 ctm., 2 Moor premiloj, 2 vitraj filtroj, 1 vitra funelo, 1 kaŭĉuka korko, 1 punkci-nadlo, la tabulo-stativo kaj malmulte da emajla inko. Estas facile fari mem la debranĉojn (apendiksojn) de l'kaŭĉuk-tubeto : en tubeto oni eltranĉas ovalan trueton je diametro de 5-6 ctm. kaj per sabla (aŭ vitra) papero aŭ per tranĉilo oni malglatigas randon de l'trueto kaj ekstremaĵon de tubeto kaj per kaŭĉuka gluo (« bicikla » gluo) oni kungluas ilin. Por ricevi emajlan inkon oni metas en olean lakon malmulte da fulgo; se la inko densiĝos estas necese enmeti en ĝin iom da terebintoleo; oni skribu per plumo.

Lá priskribita aparato funkcias tiel : la Esmarĥ-kruĉon oni plenigas per 3%-a solvaĵo de karbolacido kaj oni pendigas ĝin sur najlo. Fluante tra la tubeto « b » en la gazometron, la solvaĵo eligas el ĝi la aeron tra la tubetoj « a » kaj « c » en pleŭrokavon. La premilo « $P_1$ » estas malfermita kaj la premilo « $P_2$ » fermita samtempe. Dum la trapiko de l'pleŭro la premilo« $P_1$ » devas esti fermita kaj nur post notigo de pleŭro-premo oni malfermas ĝin. Fininte la operacion (la enblovadon de la aero) oni fermas ĉi tiun premilon kaj malfermas la $P_2$, oni malsuprenigas la Esmarĥ-kruĉon kaj la karbolsolvaĵo eniras sifone en la kruĉon el la gazometro.

Por eviti eniron de la aero en la kaŭĉuk-tubeton « b » estas necese restigi 50 ctm. da solvaĵo en la gazometro, fermínte « $P_2$ ».

## PRI LA MEDICINA TEKNIKA VORTARO

40892 — 316.4 : 61

*NI REMEMORIGAS LA KOLEGOJN :*

1) Pri la neceseco aperigi la medicinan teknikan vortaron. Kelkaj skribis : « Ĉu la manuskripto de la vortaro estas ĉe presisto? Kiam ĝi estos eldonita? » Ni devas respondi : « La manuskripto estas tute preta sed estos sendata al la presisto nur kiam la subskriboj, la pruntedonitaj sumoj, la mendoj estos sufiĉaj por certe kompensi la elspezojn.

Nuna stato de la afero (12.X.30).

Pagis :

| | | |
|---|---|---|
| I. S. A. | 20 | $ |
| Maison de l'Esperanto (Paris) | 20 | $ |
| D-ro Tobias SIGEL (Usono) | 10 | $ |
| S-ro WERLERMINSKY (Praha) | 8 | $ |
| D-ro BLASSBERG (Krakow) | 5.5 | $ |
| S-ro GUERITTE (Londono) | 5 | $ |
| S-ro BAUMAN (Usono, Champaign) | 1 | $ |
| **Promesis pruntedoni.** | | |
| Dro PLANTIER (Annonay) | 20 | $ |
| D-ro BRIQUET (Lille) | 20 | $ |
| D-ro WYSOKINSKI (Warszawa) | 13.5 | $ |
| D-ro ROBIN (Warszawa) | 10 | $ |
| S-ro BOUCON (Annecy) | 4 | $ |
| **Mendis firme ekzemplerojn** | | |
| D-ro CANUTO (Torino) 10 ekz. | 10 | $ |
| S-ro MAĤOVER (Arĥangelsk) 3 ekz. | 3 | $ |
| Sume | 150 | $ |

Ĉiu bonvolu imiti la cititajn kolegojn. Se ne, neniam aperos la teknika medicina vortaro ĉar *400 dolaroj estas necesaj.* Helpu ! !

2) Restas kelkaj ekzempleroj de la provo de Teknika medicina vortaro tia kia ĝi estas eldonita de I.M.R. Prezo : 1 Dolaro.

BRIQUET.
Poŝtĉekoj : Lille 30.25.

*Ricevite* de D-ro R. MAEDER-LÖFLER, Tempelackerstr., 50, St-Gallen, fr. fr. 73,35 kies 25 por unu ekzemplero de teknika medicina vortaro kaj 48,35 por pruntedono.

BRIQUET (LIlle).

# AŬTOREFERATOJ

B. KRYNSKI (Warszawa). — **La valoro de rentgenaj radioj ĉe frua diagnozado de la stomaka kankro.** (El *Gastrologja Polska*, II, n-ro 3, 1930.)

616.33 — 006.43 — 073.75

La aŭtoro priparolas la estontan eblecon de frua diagnozado de la stomaka kankro per helpo de rentgenaj radioj. Moderna, taŭga aparataro, esplorado de la mukozo kaj preciza observado de la stomaka kinetiko malpliigas la kazojn de falsa diagnozo ĝis 10 %. Tasko de rentgenologo devas esti starigi plejeble anatomo-patologian diagnozon kaj tiamaniere plifaciligi al ĥirurgo lian laboron.

La aŭtoro priskribas diversajn kankroformojn en la rentgena bildo, atentigante la klasifikon de BORRMAN. Ekzistas tamen vico de kazoj, ĉe kiuj la rentgena esplorado malsukcesas. Ĉe plej eta klinika suspekto oni devas alpaŝi al prova laparotomio.

Koncerne profundan rentgenoterapion, la aŭtoro ne deziras solvi la problemon, ĉu estas preferebla operacio aŭ radiado de la kankro. Sed ĉiu operaciita kazo devas nepre esti postradiata.

E. OMELSKYJ. — **Pri al reno alkreskita suprareno.** (El *Frankf. Zschr. f. Path.* 38, 1929.)

616.455 — 007.274

En literaturo troviĝas nur malmulte pri ĉi tia evolua anomalio; tial la aŭtoro ekzamenis ekzakte kelkajn kazojn kaj konstatis inter alie jenon. Kiam oni fortiras la renan kapsulon en la suprenomitaj kazoj, tiam kunŝiriĝas parto de suprarena parenĥimo, kio impresigas kvazaŭ la suprareno kuŝus sub la rena kapsulo. La rena kapsulo kuŝas kune kun la suprarena sub la suprareno kaj ambaŭ kunkreskis je la kuniga teksaĵo. La lasta disigas tiel ambaŭ parenĥimojn, sed ĝi estas ofte tratruita kaj tiam intermiksiĝas ambaŭ parenĥimojn. La endokrina teksaĵo ne estas ligita al eligtubeto, tial ĝi povas funkcii ĉie, kie estas je ĝia dispono sangvazoj, ebligantaj al ĝi la al- kaj la forkondukon. Tial troviĝas ofte ĉe endokrinaj glandoj la alkresko, intermikso kaj dispelo de teksaĵoj.

CUGIO ARAI. — **Histologia studo pri t. n. « Pielovejna refluo »** (El la *Patologia-Bakteriologia Instituto de Keio-Universitato de Tokio,* direktoro : P-ro D-ro KUSAMA).

616.613

Serĉante la genezon de la « pielovejna refluo » mi provis histologian studon kaj akiris interesan rezulton per la jena metodo kun renoj de vivantaj kunikloj, uzante kokan sangon kies eritrocitoj estas kernhavantaj, ĉar ĝi estas pli konvena por histologia serĉado.

*Eksperimenta metodo :*

1. Mi injektis tre malrapide ĉirkaŭ la renpelvon enteneblan kvanton da koksango en renpelvan kavon tra la detranĉita urinkanalo kiu estis elprenita nudige eksteren de la peritoneo, kaj tuj poste detranĉinte ambaŭ renojn traserĉis en ĝi histologie kaj studis pri la *trairebleco* de mukomembrano kaj vejnmuro frontantaj kontraŭ renpelvo kaj renkalika kavo, kaj genezon de pielovejna refluo.

2. Mi serĉis la traireblecon de la arteria kaj vejna muroj de rensinuso kaj elfluan manieron de koksango eksteren de la vejno, tre malrapide injektante diversan kvanton da koksango en la rensinusan grashiston.

3. Mi serĉis la destinon de la injektita koksango kaj la ŝanĝiĝojn de la difektitaj partoj de histo, pri la elprenita reno, en kies renpelvan kavon antaŭ iom da tempo estis injektita koksango kaj estis okazigita la reflua fenomeno.

4. Kiel kontrolan eksperimenton mi faris la saman eksperimenton per elprenitaj renoj de kunikloj jam ne cirkulantan, kaj komparante kun la tiuj cirkulantaj, mi serĉis la influan limon de cirkulo kaj sangpremo.

*Eksperimenta rezulto :*

1. Okaze kiam la enpelva injektaĵo superis la renpelvan enteneblan kvanton, tiam la premite plej deformebla parto de vejno frontanta kontraŭ renpelva kavo estas difektita, la injektaĵo elfluis eksteren de la vejno, kaj samtempe ĝi enfluis en la arterion, vejnon, kapilaron kaj limfokanalon pere de mura trairebleco aŭ de difekto. Injektaĵo iuokaze faris arterian kaj vejnan cirkulojn, aliaokaze faris vejnan, kapilaran kaj limfokanalan refluon.

2. Kiam la injektaĵo en la renpelvon plimultiĝis, la renpelvo ŝvelis kaj streĉiĝis, la interna premo de la renpelvo altiĝis kaj plimultiĝis por kelka tempo la kvanto de vejneca sango kiu alkore fluas per renvejno, tamen poste renpelvo maksimume streĉe pleniĝas kaj paradokse sinusaj vazoj precipe vejnoj estis premitaj, streĉitaj, kurbigitaj, tial la vejna alkora fluo fariĝis malfacila kaj samtempe emis kaŭzi vejnecan refluon, plialtiĝis la grado de sangstagno, kaj sub tia kondiĉo okazis vejna kaj kapilara elsangado.

3. En kapilara refluo, ĉefa estis refluo de papila kuniĝa kanalo, malofte atingis ĝis la renpiramida bazo. Alie estis urinkanaleta refluo kiu devenis de papila difekto, precipe de papila fornikso, kaj kurba urinkanaleta refluo kiu devenis de rena substanco kortikala frontanta kontraŭ rensinusa grashisto, okaze de altgrada elfluo en la grashiston. En ekstervejna elsangado troviĝas jenaj tri okazoj; eniri renparenĥimon tra ĉirkaŭvaza kuniga histo, elflui eksteren de renpordo laŭlonge de renaj arterio kaj vejno, kaj elflui de rensinuso sub renkapsulo al rensurfaco.

4. La histodifekto pro injekto estis riparita de historeakcio, ĉe la vejna difekto formiĝis hematomo kaj embolio

5. Kiam la kondiĉoj estis samaj, envejna elfluo de la injektaĵo konsistis sammaniere ambaŭ ĉe reno de vivanta kuniklo kaj ĉe elprenita reno de la sama besto. (Esperantigis JUNKO).

# REFERATOJ

I. ANOSSOW. — **La memmortigoj en Taschkent.** (El *Medicina Penso de Usbekistano kaj Turkmenistano,* Taschkent).

340.622

La aŭtoro esploris 175 kazojn el la jaroj 1927-29. Bedaŭrinde la disa materialo ne ebligis fari dinamiecan esploron. Finitaj kaj nefinitaj kazoj estis studataj laŭ sekvantaj rubrikoj : sekso, aĝo, socia pozicio, kialoj, jarsezono, iloj. Ankaŭ la korelacioj de tiuj ĉi momentoj estis esplorataj, kie la materialo permesis kaj kie ĝi estis interesa. La ĉefaj konkludoj de la esploro estas :

1. Se en pli juna aĝo entute estas notataj plimulte da kazoj, ili estas plejparte provkazoj. Mankis al ili aŭ la firma volo al la morto, aŭ la kono de taŭgaj iloj. Paralele kun la aĝo pligrandiĝas ankaŭ la nombro de la kompletaj memmortigoj.

2. Se la virinoj pli ofte provas memmortigon, ili pli ofte malsukcesas, ol la viroj.

3. Veneno estas la plej uzata memmortigilo, kvankam la malplej taŭga. La virino ĝin uzas pli ofte ol la viroj.

4. Analizo de la motivoj de memmortigo alkondukas al la konkludo, ke la familia krizo pli forte premas la virinon..

5. Kvankam la socia momento ne tre ofte aperas sur la unua plano, oni devas ne taksi tro malalte ties signifon kiel motivon de memmortigo. En la plimulto de la esploritaj kazoj ĝia influo ofte ne direkta estis konstatebla.

BLASSBERG (Krakow)

M. KERNBACH. — **La nova rumana sanitara leĝo.** (El *Clujul Med.*, n-ro 8, 1930.)

351.77(498)

La 1. VI 1930 oni starigis novan sanitaran leĝon por Rumanujo. Projekton por tiu leĝo preparis la ministerioj de laboro, de saneco kaj socialaj prizorgoj kune kun la medicinaj fakultatoj kaj la ĝenerala asocio de kuracistoj. Kiel novaĵoj estas menciindaj : oni nomigas specialistojn nur post kapabloekzameno en medicina fakultato; praktikpermeson donas la ministerio. Distriktoj kaj komunumoj estas devigataj starigi sanitarajn institutojn, kiuj estas kontrolataj de la ŝtato. Prostituejoj kaj similaj ejoj ne povas ekzisti. Veneraj malsanoj estas devige anoncataj kaj kuracataj. Scia infekto per venera malsano estas punata per malliberigo. Malsanajn soldatojn oni liberigas de servado pour kuracado. Patrinojn, infanojn kaj malplivalorulojn ŝirmas la ŝtato. Post enkonduko de nova leĝo Rumanujo estas rilate kuracist-sanitara organizacio inter unuaj ŝtatoj.

OMELSKYJ.

O. MILLIAN (Bukaresto). — **Diagnozo de febraj statoj ĉe la infanoj.** (El *România Med.*, n-ro 18, 1930.)

616 — 002.79 — 053.2 — 07

Infanaj malsanoj, kies unika simptomo, precipe en la komenco, estas febro kaj kiuj aperadas plej ofte en kliniko, estas jenaj : nazofaringito, glanda febro (germ. *Drüsenfieber*), otito, tuberkulozo de traĥeobronĥaj limfaj glandoj, miliara, pleŭra, peritonea kaj osta tuberkulozo, ekzantema diatezo, pneŭmonio, gripa bronĥito, endokardito, apendicito, kronika kolito, abdomena tifo, BARLOWa malsano, soifa febro (germ. *Dürstfieber*), sepsemio, malario, kaj leŭkemio. Oni devas ne kuraci hipertermion ce neŭropataj infanoj.

OMELSKYJ.

V. VALTER (Bukaresto). — **Pri kazo de pereiga anemio kun hepatdietkuracado, komplikita de vezika litiazo.** (El *Spitalul*, n-ro 9, 1929).

616.155, 194.5

60jara oficisto kun heredeco kaj signoj de urata diatezo, suferis de du jaroj je pereiga anemio. Malsano kaj sangbildo pliboniĝis nur post ĉiutaga uzado de 500 gr. da hepato. Sed jam unu monaton post tiu intensiva hepatdieto aperis vezika litiazo kun ĉiuj konsekvencoj, kiu daŭris 15 monatojn. En ĉiu tiu tempo manĝis la malsanulo pro timo de remalsaniĝo ĉiutage 300 gr. da hepato kvankam al li estis priskribita tiu dozo nur 3 foje ĉiusemajne. La aŭtoro observadis la malsanulon de l'komenco de 1928. La sangbildo estis bona, tial la hepatdieto estis interrompita kaj oni kuracis nur la vezikan litiazon. Post unu monato pliboniĝis la vezikaj plendoj, sed la sangbildo malpliboniĝis tiel minace, ke oni estis devigata doni Hepatopson (hepata ekstrakto). Post 5 monatoj malaperis *ĉiuj* plendoj kaj ne revenis plu.

*Konkludoj* : Urata vezika litiazo povas reaperi ĉe pereiga anemio dum hepata dieto. En tiaj kazoj hepato en substanco estas kontraŭindikata, oni devas ĝin forlasi aŭ (kiam la sangbildo tion ne permesas) ĝin anstataŭigi per hepatekstrakto, kiu estas aktiva ĉe pereiga anemio, sed neaktiva rilate al ŝtonformiĝo. Estas eble, ke grandaj kvantoj da hepato kaŭzas ĉe urata diatezo formiĝon de urataj ŝtonoj, tial oni devas kondamni misuzadon de la hepata dieto ankaŭ ĉe sekundaraj anemioj.

OMELSKYJ.

N.-N. STOICHITA (Bukaresto). — **Aldonoj al pulma absceso.** (El *România Med.*, n-ro 17, 1930).

616.24 — 002.3

Laŭ propraj spertoj kaj laŭ publikaĵoj de la lasta tempo pulma absceso estas tute ne malofta, kontraŭe, ĝi aperas sufiĉe ofte; nur antaŭe (kaj parte ankaŭ nun) oni diagnozis ĝin kiel sekan, precipe kiel interlobaran pusan pleŭriton. Amerikaj aŭtoroj faras direktajn rilatojn inter (ŝajne) plimultiĝantaj kazoj de pulma absceso kun plimultiĝintaj tonsileksigoj en lasta tempo. Kelkaj pulmaj abscesoj kuraciĝas mem, sen kuracisto, sed plej ofte la paciento mortas mal-

graŭ la kuracado, ĉar ni ne havas ian specifilon kontraŭ la malsano. Akutajn pulmajn abscesojn oni devas kuraci interne; la aŭtoro diras ke li ne vidis bonajn rezultojn de emetin-aplikado. Se interna kuracado ne havis efikon post 2 monatoj, oni devas fari pneŭmotomion. Artefarita pneŭmotorako estas tro danĝera, freneksigo alportas nur preterpasantan plibonigon. Oni faras en la lasta tempo en Usono bronĥoskopion kun aspiracio kaj havas kontentigajn rezultojn. Ĉe kronika pulma absceso estas en ĉiu kazo preferinde uzi pneŭmotomion, uzante termokaŭteron aŭ elektrolizon.

OMELSKYJ.

LIVIU DARIU. — **Hemoterapio kun resaniĝa sango ĉe konvulsa tuso.** (El *Clujul Med.*, n-ro 8, 1930.)

616.24 — 008.41 — 085.38

La aŭtoro vidis bonajn rezultojn farante injektojn kun resaniĝa sango kaj rekomendas ilin precipe por infanejoj.

OMELSKYJ.

S. PARFANOWYTSCH (Lemberg). — **Patologio kaj terapio de la pusotorako ĉe infanoj.** (El *Ukrain. Lik.*, V, n-ro 1-2, 1929.)

616.25 — 002.3

La pusotorako aperas ĉe la malgrandaj infanoj kutime samtempe kun bronĥopneŭmonio kaj entenas ofte strepto- kaj stafilokokojn. Ĝi kondukas ofte al sepsa stato kaj al morto. Laŭ spertoj de la aŭtorino ĉe tute malgrandaj infanoj estas indikata nur konserva terapio (punkcio kun aspiracio), sed ĉe la pli grandaj infanoj torakopunkcio (BUELAU-metodo). Oni devas esti tre singarda kun plimallongigado de la dreno kaj ne fari pulmajn lavaĵojn. Aŭtohemoterapio estas senefika. Cardiazol (KNOLL) montriĝis tre bona korpreparato.

OMELSKYJ.

E. BURATSCHYNSKYJ (Lemberg). — **La signifo de la limfa faringa ringo kiel enirvojo por infektoj, kaj tonsileksigo.** (El *Ukrain. Lik. V*, n-ro 1-2, 1930).

316.322/6

La aŭtoro estas kontraŭ tonsileksigo sen indiko kaj fiksas ĝiajn indikojn. Li mem tonsileksigas kun bonaj rezultoj ĉe jenaj malsanoj : kronika tonsilito (sen kaj kun febroj), kronika poliartrito (ankaŭ kun endokardito) kaj ĉe akuta kaj subakuta nefrito.

OMELSKYJ.

KRAAS (Frankfurto s. M.). — **La Zenkeraj divertikloj de la ezofago.** (El *Med. Klin.*, 1930, 38.)

616.329 — 007.64

En 1877 ZENKER priskribis la malsanan bildon de la puŝdivertikloj, estigantaj ĉe la transiro de la faringo al la ezofago. La formo kaj la grandeco de la divertikloj povas esti tre malsamaj. Observinte kaj operaciinte sep kazojn la aŭtoro citas la tipajn simptomojn. Dum

jaroj oni diagnozas faringiton, ĝis fine pro alkresko de la divertiklo la nutraĵoj tie ĉi reteniĝas kaj preciza esploro ekkonigas la ĝustan malsanon. La ĉefa simptomo estas la sento de stenozo; la pacientoj penas perfortigi la stenozon per regurgitado de la manĝaĵoj. Ofte manĝaĵoj estas elvomataj de antaŭ ok kaj pli da tagoj; la esploro konstatas en la ne digestitaj elvomitaĵoj mankon de H Cl, sed multege da putraj bakterioj kaj da muko. Tre signifa estas ofte forta fetoro el la buŝo, devenanta de la putriĝintaj manĝaĵoj, retenitaj en la divertikla sako.

En 35 % el la kazoj aperas ĉe la kolo elastika tumoro, kaŭzita de la flanken kaj suben kreskado de la divertiklo.

Objektivan bazon por la diagnozo donas la rentgenesploro kun tipa bildo: je la alteco de la 1a aŭ 2a brustvertebroj montriĝas en la meza kampo horizontala, suben duonlume akre limigita ombro, montranta movojn samtempajn kun la gluta akto. Ĉe plia enigo de la kontrasta kaĉo montriĝas la simptomo de la « superkurado ». La ombro malpleniĝas tiam ĉe la supra poluso antaŭen en la ezofagon.

Divertiklo de nutraĵoj plenigita estas ofte malfacile prezentebla; oni rekomendas tralumigojn en diversaj pozicioj. La sola bona terapio estas hodiaŭ la radikala eltranĉo de la divertikla sako.

FELS (Lwów).

G. CARTUTA (Bukaresto). — **Kazo de stomaka tuberkulozo.** (El *Spitalul*, n-ro 9, 1930.)

616.33 — 002.5

Bazante sin sur propra kazo kaj rilata literaturo, la aŭtoro donas trion da simptomoj por la tuberkulozo de la kardio: mezaj epigastraj doloroj, regurĝitacio kaj daŭra diareo; kaj por esofaga tuberkulozo: tre fortaj brustdoloroj, regurĝitacio kaj foresto aŭ persisteco de diareoj.

OMELSKYJ.

V. VINES kaj C. JORDANESCU (Bukaresto). — **La faca kontrakturo kaj ĝia kuracado per elektro.** (El *România Med.*, n-ro 18, 1930).

616.742 — 009.12 — 085.84

La aŭtoroj priskribas kuracmetodon de la faca kontrakturo per elektro, kiun oni uzadas en la nerva kliniko G. MARINESCU kaj kiu ĝenerale efikas bone. Oni ĝin devus uzadi antaŭ iu ajn ĥirurgia entrepreno.

OMELSKYJ.

ERIGUTI-HARUSI (Osaka). — **Pri la pigmentamasiĝo pro banado en infuzaĵo de folioj de Ficus carina L.** (El. *Tokio Izi Sinsi*, n-ro 2689, 1930).

616.5 — 003.829

La aŭtoro raportas la duan kazon de pigmentamasiĝo ĉe 30jara viro elvokita pro ripetita banado en infuzaĵo de figfolioj, kiu estas ĉe ni ofte uzata de nekleruloj por iu kuraca celo (eble kiel kuracilo

de sifiliso ?). La unua kazo estis raportita de SAKURANE ĉe 21jara virino en 1920. La pigmentamasiĝo okazis difuze ĉe nuko kaj ŝultroj kaj kiel strioj ĉe dorso. Per zorgema esplorado oni povis konstati ĉe la paciento inter aliaj sifilison tute ne kuracitan kaj fortan vagoto-



nion. Kiel kaŭzoj de la fenomeno oni povus nomi instigon ĉe iu kemia substanco en la infuzaĵo (taninacido ekz.), tiun de varmega banakvo (estas konate, ke Japanoj ĝenerale ŝatas varmegan banon), funkcian perturbon de vegetativa nervosistemo k. a.

S. NISHI.

# POR LA PRAKTIKISTOJ

## PASTELOJ KONTRAŬ LA DOLOROJ DE EZOFAGA KARCINOMO

616.329 — 006.465 — 009.7 — 08

| | | |
|---|---|---|
| Rp/ | Aethylii aminobenzoici | 2,0 gr. |
| | Percain « Ciba » | 0,1 |
| | Atropini sulfurici | 0,002 |
| | Olei menthae | X gtt. |
| | Tragacanthae | 1,0 |
| | Gummi arabici plv. | 50,0 |
| | Sacchari albi | 150,0 |
| | M. f. past. N° CC. | |

El tiu miksaĵo oni preparu ducent pastelojn, suĉotajn po unu ĉiun kvaronhoron.

R. MAEDER (St-Gallen)

## FURUNKOZO

616.5 — 002.34 — 08

Ĉe *furunkozo,* kiam nek lokaj rimedoj, nek vakcinado sukcesis, vi ofte ricevos bonan rezulton par tre simpla jena recepto : senmanĝa dieto dum du tagoj, permesu senrezerve akvon, sensukerajn tizanojn, legombuljonon. Malpermesu lakton. Ĉiumatene, tiujn ĉi du tagojn, kiel laksigilo :

Natria sulfato }
Magnezia sulfato } ââ 15 gramoj

Se bezone rekomencu post 15 tagoj.

BR.

## KURACADO DE AKRA NAZKATARO

616,21 — 002.153 — 08

Dum la 3 lastaj jaroj mi sukcese uzis du jenajn simplajn metodojn por la kuracado de la akra nazkataro :

I. Dufoje ĉiutage mi ŝmiras mukmembranon de l'nazo helpe de vata peniko per la solvaĵo :

| | | |
|---|---|---|
| Pr/ | Hidrogeno superoksida 1.5-2 % | 10.0 |
| | Boracido | 0.1 |

aŭ II. Dufoje ĉiutage mi enblovas en nazon 0,15-0,2 da aspirino subtile pulvorigita, farante la enblovadon tra papera tubeto.

La naza elfluado kaj la kapdoloro rapide malgrandiĝas, kaj baldaŭ foriĝas.

La muka eligaĵo ĉe ĉiu akra nazkataro havas forte alkalian reakcion (kiun kaŭzigas ankoraŭ ne konata filtriĝanta « ultra-viruso » de l'malsano) ; ĝi estas neŭtraligata per $H_2$ $O_2$ kaj aspirino, havanta acidan reakcion, kaj evidente nazkatarmikrobo en tiu kondiĉo perdas sian vivkapablecon.

D-ro TANKOV (Soĉi, Kaŭkazo).

**KONTRAŬ**



# Suĉinfanaj Diareoj

estas rekomendata pro sia rapida kaj certa agado



# Milcheiweiss Plasmon

## Casein-Calcium



**Plej nova literaturo**

LANGSTEIN : *Dystrophien und Dyspepsien,* Leipzig, 1926.
E. MÜLLER : *Medicinische Klinik,* Berlin, n-ro 13, 3. 6. 1927.
ROMINGER : *Deutsche Med. Wochenschrift,* n-ro 23, 25, 33. 1927.
LUST : *Diagnostik u. Therapie der Kinderkrankheiten,* Berlin, 1927.

**Krome**

FINKELSTEIN ; L.-F. MEYER ; PFAUNDLER ; SCHLOSSMANN ; KELLER ; FEER ; BLÜHDORN ; BIRK ; BRÜNING ; KLEMSCHMIDT ; OCHSENIUS ; THOMAS.

**Ŝpariga.** **Ordonebla por la Ŝtatasekuritoj.**

Detalan literaturon kaj specimenojn sendas laŭdezire



**PLASMON, Ges. m. b. H., Neubrandenburg i/Meckl. Germanujo.**

# DIVERSAĴOJ

## EKSPERIMENTO EN BIOLOGIO

de D-ro Karel KLEIN

5.002: 57

Estas multe da trompo kaj malsincereco en la batalo por la « rajtoj de la bestoj ». Kaj ege malprave tiu ĉi batalanta partio agas kontraŭ la biologiaj eksperimentistoj, pentrante ilin kiel kruelajn individuojn, kiuj estas indiferentaj al la vivo kaj sufero de la bestoj. La biologiaj eksperimentistoj oferantaj bestojn servas al pli alta manifestiĝo de la Vivo, ili servas al la homo; tiu ĉi servo devas esti la plej alta servo.

... Kun granda stereotipeco oni prezentas al la laika publiko la bildojn de la hundoj de Pavlov, operaciitajn tiel, ke estu riceveblaj puraj sukoj, kiujn sekrecias (eligas) diversaj partoj de la digestaj organoj — terurego kaptas la senteman leganton, se li rigardas tiujn bildojn!! Sed oni ne diras samtempe, ke ĉiuj ĉi operacioj estas plenumataj en narkoto kaj kun flego absolute identa kun operacioj de homoj.

... Nia tuta scienco pri infektaj malsanoj ne ekzistus, se ne estus eble eksperimenti je la bestoj; miloj kaj miloj da bestoj estis pro tio oferitaj, elsuferis turmentojn, vere, sed kio ĝi estas en komparo kun la miloj kaj miloj da savitaj vivoj de homoj! Kruelaj estas la eksperimentoj je la nervaj organoj de la bestoj — sed ĉu sen ili estus eblaj la operacioj de malsanaj homoj, operacioj, kiuj savas la homajn vivojn kaj faras el invalidoj sanajn individuojn?

... Ĉu la kontraŭulo de l' eksperimentoj je la bestoj ne kuracigus sian malsanan infanon per sero kontraŭ difterio? Ĉu li mem, mordita de rabia hundo, ne lasus sin inokuli (vakcini) per materio ŝirmanta kontraŭ rabio? Kaj tamen, ni ne havus la seron kontraŭ difterio, nek la vakcinaĵon kontraŭ rabio, se estus neeble eksperimenti je la bestoj kaj oferi ilin dum produktado de ĉi tiuj kuraciloj!... Kaj ni ne forgesu, ke antaŭ ol oni atingis la praktikan eblecon produkti la kuracilojn, estis necesaj centoj kaj miloj da eksperimentoj, kiuj estis sole preparo por tiu ĉi fina celo!

... Se la batalo kontraŭ la eksperimentoj je la bestoj gvidataj en la nomo de mizerikordo volus esti konsekvenca, ĝi devus proklami ankaŭ konsekvencan vegeteranismon. Sed eĉ tie ĉi ĝi ne devus halti. Ĉu la vegetalo ne estas ankaŭ manifestiĝo de la mistera Vivo, kiel ni mem? La konsekvencaj vegetaranoj konscias tion kaj gvidataj de la filozofio « ne detrui la vivon » ili predikas manĝi sole la fruktojn! Kvazaŭ ne estus vivo en la fruktoj?! Ĝuste en la frukto sin vidigas la plej mistera kaj eble metafizika flanko de la vivo. La frukto, elpuŝita parto de la matura individuo, ŝajne senviva, — kaj tamen vivoplena, kaŝanta en si la tutajn generaciojn de l' individuoj estontaj! Miregaj perspektivoj de l' estonteco kaj samtempe multe da krueleco por la estanteco — sen detruo de l' vivo ne ekzistas la vivo!

(*) Represita el *La Progreso* (Praha) februaro 1930.

... Se devas naskiĝi io nova, estonta, devas esti oferata io estanta. Ne pro la oferado mem, sed por kreado de nova ekkono, por plimultigo de la ĝisnunaj valoroj. En tiu ĉi sfero la celo efektive sanktigas la rimedojn, kaj la celo — la multigo kaj fiksigo de la plej alta al ni konata manifestiĝo de Vivo, la homa individuo — estas tiel alta, ke la oferoj pro la biologia eksperimento estas permeseblaj kaj pardoneblaj.

(El *Naŝe Doba*, Nov. 1929, trad. R. H.)

## XXIIIa UNIVERSALA ESPERANTO-KONGRESO

Krakow (Pollando) Aŭgusto 1931

408.92 (063) « 1931 »

*Al TEKAanoj!*

*La Loka Kongresa Komitato, kies ĉefo estas nia Honora Membro P-ro D-ro Odo BUJWID, proponas al ni aranĝon de* TEKAkunveno *dum la XXIIIa Universala Esperanto-Kongreso okazonta en Krakow de la 1a ĝis la 8a de Aŭgusto 1931. La Vicprezidanto de la sama Loka Kongresa Komitato estas nia altŝatata Eksprezidanto D-ro BLASSBERG. Ambaŭ cititaj nomoj plene garantias zorgan kaj majstran preparon de niaj aranĝoj.*

*D-ro BLASSBERG bonvolis konsenti preni sur sin la malfacilan organizan laboron. Ni do turnas nin al ĉiuj TEKAanoj kiuj intencas viziti la Krakovan Kongreson, kun jenaj petoj :*

*1) Tuj informi D-ron BLASSBERG (str. Starowislna, 18 en Krakow (Polujo) pri tio, por ke ni konu la proksiman nombron de la ĉeestontoj; 2) Ankaŭ informi, kiu el kolegoj estus preta fari sciencan au socian prelegon, kaj pri kiu temo.*

*Detaloj sekvos.*

D-ro P. KEMPENEERS,
Ĉefsekretario de TEKA.

D-ro W. ROBIN,
Prezidanto de TEKA.

## IVa KONGRESO DE UNIVERSALA LIGO POR SEKSA REFORMO

(17-23 Septembro 1930 en Wien)

176 (063) (436) « 1930 »

La kongreso pritraktis dum septaga daŭro tiom da gravaj temoj, ke ne estas eble raporti en mallonga resumo pri ĉiuj prelegoj kaj diskutparoladoj, ampleksantaj la grandan materion de ĉi tiu problemo.

Granda nombro de fakscienculoj kaj eminentaj pioniroj de la seksa reformo kolektiĝis el Aŭstrujo kaj multaj aliaj landoj en la meza salono de l'Koncertdomo kaj donis al la kunsidoj imponan aspekton.

En nomo de la loka komitato docento D-ro FRIEDJUNG salutis la kongresanojn kaj proponis sendi al, pro malsano ne partoprenantaj, Auguste FOREL, Havelock ELLIS kaj Sigmund FREUD saluttelegramojn.

En la malferma parolado akcentis la famekonata seksesploristo D-ro Magnus HIRSCHFELD (Berlin) ke ĝuste Wien estas predestinita kiel urbo de ĉi tiu kulture tiel grava kongreso, ĉar ĉi tie vivis

kaj laboris la fama psikiatro Univ. P-ro KRAFT-EBING, aŭtoro de la multe atakita verko « *Psichopatia sexualis* ». HIRSCHFELD konigis poste la celojn de la Ligo, t. e. venko de la seksa vero kontraŭ seksa supertiĉo, per ĝusta seksedukado, reformo de geedzeca juro, prudenta reguligo de naskoj kaj reformo de l'punjuro pri seksaj aferoj.

Sur la ampleksa programo staris la temoj : «« loĝejmizero kaj seksa reformo » ; « seksa mizero » ; « seksa moralo » ; « sekseco kaj jura ordo » ; « reguligo de naskoj kaj homekonomio » ; « rajto de l'infano ».

El la listo de prominentaj scienculoj estu nomataj krome LEUNBACH (Kopenhago), ALMKVIST (Stockholm), RANDALL (London), VACHET (Paris), FEDERN, GOLDSCHEID, HITSCHMANN, TANDLER (Wien), WOLF (Berlin), MARANON (Madrid) k. a.

Profesoro kaj urba konsilanto TANDLER paroladis pri loĝejmizero kaj seksa reformo, pri interrilatoj de sekseco kaj loĝejo, klarigante, ke manko de inda loĝejo ĉiutempe grave influis la moralecon kaj ankaŭ ĉio la seksan moralon. Sen loĝejreformo devas ĉiu ajn seksa reformo resti malkompletaĵo.

Victor MARGUERITTE (Paris) deklaris, ke la ĝis nun ekzistanta leĝo pri abortigo estas justecskandalo.

FRIEDJUNG, pritraktante la temon « rajto de l'infano » fiksis jenajn postulojn : saneco de gepatroj, konsilado al geedzoj, konsilado al patrinoj, lernejaj kuracistoj, prizorgo, loĝejhiegieno kaj edukadinspekto.

Okaze de pridiskuto de seksa leĝdonado postulis HIRSCHFELD ke en koncernaj kazoj estu de la tribunalo alvokitaj ekspertistoj pri seksaj aferoj. Ankaŭ eminentaj juristoj parolis pri graveco de leĝaj reformoj pro abortigo kaj geedza vivo.

La ĉefreferaton pri historio de seksa moralo faris la eminenta sociologo Rudolf GOLDSCHEID, dirinte i. a. ke la seksa moralo koincidas ĉiam kun la deziroj kaj diktatoj de l'reganta klaso. La referanto pledis por egalrajtigo de ambaŭ seksidoj, reformo de l'geedzeca leĝo kaj reguligo de naskoj.

BADKAVA (Moskvo) raportis pri seksa vivo en Sovetunio.

Dum la kongrestagoj troviĝis en la kongresejo faka ekspozicio entenanta tre interesajn bildojn, librojn, statistikajn tabelojn kaj multajn aliajn objektojn el la sfero de seksa vivo, same ankaŭ industrian kolekton de modernaj sekshigienaj preparatoj.

La protokolo pri ĉiuj referatoj kaj diskutparoladoj aperos en aparta libro kaj estas mendebla ĉe la komitato. (Prezo RM. 10).

Fine kelkajn vortojn pri la kongreso kaj Esperanto. La Ligo akceptis kiel kongreslingvon krom angla, franca kaj germana ankaŭ la nian kaj uzis ĝin jam sur la prospekto. Bedaŭrinde la intereso flanke de esperantistoj estis preskaŭ nula ĉar alvenis nur kelkaj informpetoj. Samideano D-ro LEUNBACH estis la sola, kiu komencis sian paroladon per vortoj en Esperanto, sed tio restis senefika.

Espereble dum la sekvonta kongreso, okazonta en Moskvo, ni havos pli bonan sukceson.

Aliĝo al la Ligo estas dezirinda !

Edmund SOS.

## DU GRAVAJ OKAZINTAĴOJ EN LA SCIENCA VIVO DE SVISUJO

5 (063) (494) « 1930 »

De la 11a ĝis la 14a de Septembro okazis, en S. Gallen la 111a jarkongreso de la svisa naturesplora-societo (*Schweiz. Naturforschende Gesellschaft*). Ceestis pli ol 200 natursciencistoj el Svisujo kaj ĉirkaŭ 20 gastoj el eksterlando, inter ili P-ro ABDERHALDEN, la bone konata biologia ĥemisto el Halle, Germanujo, D-ro R. STOHLER (San-Francisco) P-ro DAL PIAZ (Padua) kaj F-ino P-ro D-ro Lina STERN (Moskvo). Jaŭdon la 11an komencis la kongreso kun komencparolado de D-ro REHSTEINER kaj poste okazis eble la plej interesa parolado de la tuta kongreso, parolado de P-ro Emil ABDERHALDEN el Halle pri : « La rolo de la fermentoj en la naturo kaj la konduto de ilia agadmaniero ». Post komuna vespermanĝo D-ro NOLL elmontris tre belan filmon el la vivo de la mevoj en la Sangalla protektata regiono en marĉo de Uznach. La farado de tiu ĉi filmo demandis tre grandan paciencon de la farintoj, ĉar ili tre ofte staris dum horoj meze en la akvo kaj multe suferis de la pikoj de insektoj kaj de la hirudoj. Mi pensas, ke oni ĝis nun neniam faris tiel belan kaj tiel instruefikan filmon de la vivo de birdoj. La proksiman tagon okazis la diversaj kunsidoj de la fakoj. Ĉi tie mi nur volas mencii malmultajn paroladojn el la fakoj : medicina biologio, farmacio kaj ĥemio. P-ro ABDERHALDEN parolis pri la sintezo de la albumenaj korpoj, D-ro EMDE (Basel) pri narkotikoj, D-ro Thomann, la Ĉeffarmaciisto de la svisa armeo pri la novaj desinfektrimedoj de la nova 5a svisa farmakopeo, speciale pri la ĥlorenhavaj, P-ro R. EDER (Zurich) pri la novaj kontrolmetodoj por medikamentoj en la nova farmakopeo, k. t. p. Entute okasis eble 150 paroladoj en la diversaj fakoj.

Dimanĉe matene okazis la dua scienca ĉefkunveno kun paroladoj de P-ro NIGGLI (Zurich) pri « El laborejo de mineralogia-petrografia instituto », de P-ro CHODAT (Genève) pri « La simbiozo ĉe plektaĵoj », de P-ro WEGELIN (Bern) pri « La endemika kretinismo ».

*
* *

615 (063) (494) « 1930 »

La 85a jarkunveno de la Svisa apotekista asocio okazis la 18an kaj 19an de Septembro en la kuracloko por pulmmalsanoj Davos. Ĉeestis eble 150 svisaj apotekistoj kaj kiel gastoj la sekvantoj : De la registaro de kantono Graubünden D-ro GANZONI (Chur) de la svisa kuracista asocio D-ro SEMADENI (Davos). La ĉefkuracisto de Davos D-ro MICHEL kaj de turisma-asocio Davos D-roj LIPS kaj VALAR. El eksterlando mi mencias : BREUGELMANS, ĝenerala sekretario de *Nationale Pharmaceutique* (Bruxelles), Ges-roj HORNUS (Mulhouse), prezidanto de *Cercle pharmaceutique du* Haut-Rhin. Inter la internaj aferoj de la societo okazis tre interesa scienca parolado kun elmontraĵoj pri la galenikaj preparaĵoj de la nova farmakopeo de D-ro K. SIEGFRIED (Zofingen). D-ro SIEGFRIED pli poste estis nomata kun aplaŭdo honora membro de la

Svisa apotekista asocio. Le plej grandan parton de la kunveno okupis la diskutado pri la bojkoto kiun la grandkomercistoj de specialaĵoj malfermis kontraŭ kelkaj membroj de la societo, ĉar ili partoprenis ĉe apotekista-grandkomercista kunlaboraro, nomita *Collaboration pharmaceutique*. Oni konstatis, ke tiu ĉi bojkoto ne estas leĝa kaj la ĉeestantaro forsendis tre energian peton por ĉesigo de la bojkoto al la grandkomercista asocio ĉar la apotekistoj certe havas rajton, aĉeti kune farmacproduktaĵojn kaj tiamaniere pli malmultekoste.

R. M. (St. G.)

## PRIRIGARDO PRI LA JAPANA MEDICINA LITERATURO

El *Iĵi-Simbun*. N° 1263, 15 Septembro 1930 (laŭ esp. resumoj de Ogata-Tomio).

616.345.2 — 002

*Apendicitoj*. — D-ro KAWATINO-HIRONORI liveras statistikan observadon de 2003 apendicitkazoj kuracitaj en la hospitalo de Keio-Universitato de post 9 jaroj, kaj TAMAMURA-IDEAKI de 605 apendicitkazoj kuracitaj en la Saiseikwai-Ĉefhospitalo de post 10 jaroj. Ili donas ekzaktajn ciferojn pri sekso, okupo, sezono de ekmalsaniĝo, terapio kaj rezultoj.

616.398

*Pelagro*. — P-ro YOMOGITA-KIYOHARU (Kliniko de P-ro NAKAGAWA Hokkaido) faras komparan klinikan studon de beriberro kaj de pelagro kiuj ambaŭ pliboniĝas per donado de vitamino B; li pridiskutas pri la tielnomata beriberi-baciloj kies etiologia agado estas denove varmege diskutata.

## FAKVOTARA DISKUTEJO

61 : 40892 — 316.4

— *Pri la vorto « Ohmo »* — Oni legas en provo de medicina vortaro:

*Ohm*, angla fizikisto; *ohmo*, elektra unuo de rezistokapablo (F. *un ohm*).

S-ro BAUMANN (Champaign. Usono) opinias ke kiam fremdaj vortoj kaj propraj nomoj estas enkondukitaj en la vortaron ili devas *nepre* kaj *senescepte* konformiĝi al esper. ortografo. Do tie ĉi oni devus skribi *Omo* aŭ *Oĥmo*.

*Resp*. Dum vortara revizio mi jam antaŭ la letero de S-ro BAUMANN forigis la vorton *Ohmo*, kaj skribis *Ohm' unuo*. *Ohmo* ne plaĉas al mi; *omunuo* ne montras la devenon *Ohm*. Al la akademianoj, al la kolegoj doni sian opinion.

— *Pri la vorto « fiki »*. S-ro BAUMANN proponas la vorton *fiki* en senco de sekskuniĝi. Al kelkaj germanlingvaj kolegoj la vorto *fiki* ne plaĉas pro dua aĉa senco. Tamen la proponanto insistas per diversaj argumentoj (mallonga vorto k. t. p.).

*Resp*. Mi opinias ke la vortojn *kopuli* kaj *koiti* (kiuj ne estas en la plena vortaro de S. A. T.) estas internacie akcepteblaj. Ĉu unu el ili, ĉu ambaŭ devas esti enkondukataj en la vortaron? Ĉu preferindi *fiki*? Kolegoj respondu.

BRIQUET.

## NOVAĴETOJ

FRANCUJO. — La jara kunveno de la *franca societo por ripara, plastika kaj estetika ĥirurgio* okazis en Paris, la 3an kaj la 4an de Oktobro; ĝin prezidis D-ro AUBERT (Marseille). Tiu societo estis ĵus starigata laŭ incito de D-roj DARTIGUES (Paris) kaj CLAOUÉ (Bordeaux).

Inter multaj (22!) komunikaĵoj, ni speciale notos la gravajn raportojn de S-ro Auguste LUMIERE, pri la *cikatriĝo de la haŭtaj vundoj;* de D-roj Louis DARTIGUES kaj Max LEYDER (Paris) pri la *endokrina funkcio de la mama glando;* de D-ro Henri FISCHER, pri *denaska atrofio de duono de la korpo de la malsupra makselo;* plie, diversajn komunikaĵojn pri estetikaj kaj ripariĝaj problemoj rilataj al *nazo, orelo, buŝo, okulo, vizaĝo,* k. t. p.

Tiujn raportojn kunigis en dikan, belan, kaj tre legindan volumon* la librejo Maloine kiun ni gratulas pro ĝia bela prezentado.

— L'A. P. I. M. (*Profesia asocio internacia de kuracistoj*), pri kiu ni jam kelkfoje atentigis niajn legantojn kaj kies ĉefsekretario estas D-ro Fernand DECOURT, nia samideano, arigas nun la medicinajn grupojn de 29 landoj. Ĝia revuo *Revue internationale de médecine professionnelle et sociale* (95, rue du Cherche-Midi, Paris 6<sup>e</sup>, abono 4 sv. fr. aŭ 20 fr. fr.) estas pli kaj pli legata en ĉiuj landoj (pli ol 600 n-roj en Germanujo).

La kongreso de 1929 okazis en Berlino; tiu de 1930 en Parizo.

ITALUJO. — En septembro 1930 okazis la ĉiujara vojaĝo de kuracistoj, nomita « Nord-Suden» organizita de E. N. I. T. (oficiala turisma organizaĵo) sub la gvidado de P-ro RUATA, al la ĉefaj italaj kuraclokoj. Jen la lokoj vizititaj : Venezia Lido, S. Martino di Costrozza, Cortina d'Ampezzo, Grado Portorose, Brioni, Abbazia, Laurana, Abano Terme, Salsomaggiore, kun ekskursoj al Misurina, Aquileja, Fiume, Grotoj de Postumia. La kuracistoj estis dividitaj en 4 grupoj, laŭ la lingvo : itala, franca, angla, germana. (Kiam ni povos havi esperantan grupon?) Partoprenis la vojaĝon 103 kuracistoj el 14 nacioj. G. C.

RUMANUJO. — La *Generala Asocio de Kuracistoj* ekorganizis unuiĝon de ĉiuj profesiaj asocioj por defendi la rajtojn de siaj membroj, ekz. kontraŭ trofrua pensiado, troa impostado k. t. p.

— Prof. Dr. M. CIUCA estis invitata de la higiena komitato de la Ligo de Nacioj partopreni la studvojaĝon al Hindujo por studi epidemiologiajn kondiĉojn de infektaj malsanoj. Dum vojaĝo li faris paroladojn en Hamburg (Instituto por ŝip-kaj trop-higieno) kaj en Paris.

— Ĉi tiun jaron oni festis en Bukaresto la 50jaran jubileon de la medicina revuo *Spitalul* kaj la 55jaran datrevenon de la fondo de plej malnova *Asocio de Medicinstudentoj.*

— Ĉe la *Generala Asocio de Kuracistoj* kreiĝis vojaĝa kaj turista sekcio.

---

* *Congrès, Comptes rendus des séances de la Société scientifique française de Chirurgie réparatrice, plastique et esthétique.* — Paris Eldonejo Maloine, 27, rue de l'Ecole de Médecine.

— P-ro D-ro G. MARINESCU, fama neŭropatologo el Bukaresto, estis invitata de medicina fakultato el Argentino. Jam dumvoje li paroladis pri diversaj interesaj temoj en Vieno kaj Genève. En Argentino li estis varmege akceptita kaj ricevis de la medicina revuo *Semana Medica* oran medalionon, speciale al li dediĉitan. Li faris tre interesajn paroladojn en Buenos-Aires, Cordoba, Rozario kaj en Montevideo (Urugvajo), kien oni lin ankaŭ invitis. Nun li revenis Rumanujon.

— En Bukaresto okazis en Majo la 9a Kongreso de la *Asocio por medicina Hidro- kaj Klimatologio.*

— La 1an de Junio estis voĉdonata en Rumanujo nova sanitara leĝo kiun oni kritikadas. Unuj diras, ke ĝi estas malfacile aplikebla, ĉar por tio necesas granda monsumo. Aliaj estas malkontentaj pri la nova reorganizo, precipe kuracistoj. Ekonomiaj, financaj kaj politikaj cirkonstancoj malfavoras la enkondukon de modernaj kaj bonintencaj novigoj, sed la estonteco montros la rezultaton.

— P-ro D-ro HATIEGAN el Cluj paroladis (16. IX. 30) en Karlsbad pri *Sindromo de cerba hiposistolio en koraj kaj pulmaj malsanoj.*

— De la 12a ĝi la 14a de Oktobro 1930 okazis en Jasi la 10a *Rumana Kongreso de Psiĥiatrio, Neŭrologio kaj Endokrinologio.*

— Oni festis en Bukaresto (17-10-1930) la 100an datrevenon de la naskiĝtago de la fama granda organizatoro D-ro Carol DAVILA, kiu kreis la rumanan medicinan fakultaton en Bukaresto.

OMELSKYJ.

SOVETUJO. — Nia kunlaboranto D-ro BABADAGLY (Odessa) fariĝis asistanto ĉe ginekologia fako de « Scienca Instituto de l'gardado de patrineco kaj infaneco » en Kiev. — *Korajn gratulojn!*

..................

## ESPERANTISTA KRONIKO

### *VIENA DEFICITO.*

Ni estos dankaj al la samideanoj kiuj ankoraŭ ne sendis sian donacon por helpi al la saldo de la Viena Deficito, ke ili tion faru tuj post apero de nia alvoko.

Ankaŭ ni petas la esperantistojn, kiuj prenis sur sin la kolektadon en siaj landoj, ke ili bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ la sumojn ricevitajn kun la nomoj de la donacintoj al la supra adreso.

Kun antaŭaj dankoj pro via baldaŭa respondo, ni restas.

Samideane viaj,
P. & M. L. BLAISE.

« Bonveno », 47 Manor Way, North Harrow, Middlesex, ANGLUJO.

AŬSTRUJO. — Aliĝu al *Internacia Esperanto-Muzeo* en Wien I, Neue Burg, Heldenplatz, kiel dumviva membro kotizaĵo sv. fr. II. Gravaj rekompencoj. Sendu kian ajn materialon. Tiu Muzeo estas instalata « por eternaj tempoj » laŭ kontrakto kun Aŭstria Ministerio por Instruaferoj.

FRANCUJO. — *Al Ges-roj D-ro Louis PONCET, ĉefdirektoro por higieno en Bourg (Ain, Francujo) naskiĝis filino. — Korajn gratulojn!*

En *Les Nouvelles médicales de Paris* (I.VIII.1930), mallonga biografio kun portreto de nia samideano D-ro Loïc BARBEDOR el Rennes. Estante mem tre sportprak-

---

(1) *Les Nouvelles médicales de Paris*, monata revuo, tre bone redaktata de D-ro BELLIN du COTEAU, 18, rue Etienne Marcel, Paris (Francujo).

tikanta nia kolego skribis en ĵurnaloj multajn artikolojn pri sporto, kaj faris diversajn raportojn en kongresoj ĉiam pri tiu temo, ankaŭ li faris kursojn tre ŝatitajn ĉe sporta regiona instituto de Rennes.

— La artikolo de P-ro RICHET por Esperanto, titolata « Se mi estus ministro de la Publika Instruado » kaj pri kiu ni antaŭe atentigis niajn legantojn, estas reproduktita en *La Médecine internationale* (13, rue de Poissy, Paris), n° 9. Septembre 1930.

GERMANUJO. — *F-ino Agnes SCHRODER kaj S-ro Teo JUNG, direktoro de* Heroldo de Esperanto, *anoncis sian gefianĉiĝon la 23an de Novembro. Niajn plej sincerajn deziresprimojn!*

ITALUJO. — Dum la kongreso de Italaj Esperantistoj okazinta en Como, la 30an de aŭgusto 1930, P-ro D-ro CANUTO raportis pri siaj radiodissendoj, pri la sukceso de Esperanto en itala turismo kaj pri la esperantlingva gvidlibro de la Itala Touring-Klubo pri la regiono de la Lagoj « Maggiore » kaj de Como. Li estis reelektata vicprezidanto de la Itala Esperanto Asocio.

POLUJO. — La pola medicina ĵurnalo *Gastrologja Polska*, kiu enpresas ĉiam esp. resumojn, eldonos en Januaro 1931 *jubilean* numeron pro 20 jara ekzistado de la Gastrologia Societo.

— Dank'al D-ro MEDRKIEWICZ, notetoj pri la Lodza T.E.K.A. kunveno aperis en 3 lodzaj ĵurnaloj: *Glos Poranny, Kurjer Lodzki* kaj *Rzeczpospolita.*

W. R.

SVISUJO. — Nia fervora abonanto, D-ro MAEDER-LOEFFLER farmaciisto en St. Gallen, *praktike* uzas Esperanton en siaj kvinlingvaj presaĵoj pri siaj produktoj, presigante esperantan tekston, kun mencio *Esperanto, lingvo internacia* apud germana, angla, franca kaj itala tekstoj. — *Imitinda ekzemplo!*

## BIBLIOGRAFIO

### Libroj :

P-ro H. NOTHNAGEL. — *La Mortado* (tradukita de B. SELZER). Esperanto Societo « Progreso », Wien.

Bona traduko de interesplena parolado de la fama germana sciencisto. Legante ĝin kaj sentante ĝian ĉarmon, oni perdas iom post iom la timon de la mistera morto, kiu ĝenerale ne estas turmento, sed la fino de suferado.

### Gazetoj :

*REVUE BELGE DE LA TUBERCULOSE.* — Oficiala organo de la Belga Societo por ŝirmado kontraŭ tuberkulozo, aperas sesfoje ĉiujare. Ĉefredaktoro: D-ro Edg. OLBRECHTS. Jarabono: 4 belgoj. — Adreso: 61, rue aux Laines, Bruxelles (Belgujo).

— *Heroldo de Esperanto* de 5.9.30 enhavas amuzan bildon de la *Laborprocedo de la digestorganoj.*

— En *Heroldo de Esperanto* n° 42, p. 3, laŭdaj sciigoj pri *Internacia Medicina Revuo* « modela fakrevuo ». *Tre sincerajn dankojn al nia afabla kolego.*

— *La Tribune Espérantiste.* Redakcio, 60, Boulevard A. Raynaud, Nice. Trimonata; unu n-ro: 25 centimojn.

— *Libero.* Hektografiata. Ĵurnalo de Sankoo Esper. Grupo (KIOTO); n-ro speciale eldonita okase de la dekjara datreveno de ĝia ekzistado.

*Wien kaj Niederösterreich.* — Sub ĉi tiu titolo ĵus eldonis la « Komisiono por fremdulfrekvento de la Liglandoj Wien kaj Niederösterreich » (Malsupra-Aŭstrujo) 16paĝan falditan gvidfolion kun bela titolbildo kaj 27 en la teksto troviĝantaj arte reproduktataj fotobildoj pri vidindaĵoj en Wien kaj Niederösterreich. La teksto entenas ekzaktajn informojn pri ĉio sciinda por vojaĝanto per fervojo aŭ aŭtomobilo, pri vivkostoj en Wien, pri programoj de l' vizitanto kaj pri la celaĵoj de la ĉirkaŭaĵo. Ĉi tiu belega gvidfolio certe estas tauga por allogi ties posedantojn al vizito de la ĉefurbo Wien kaj la lando Niederösterreich.

La gvidfolio estas ricevebla por alilandanoj pere de *Internacia Esperanto-Muzeo* en Wien (Neue Hofburg, Heldenplatz).

# P-U-M-I-L-I-O

*seka ekstrakto el* **pina** *pinglaro por balzamaj* **banoj** -

**Produkto de la Ĥemia - Farmacia Laborejo**

**de A. WIERZBIETA**

WARSZAWA - Str. Marszalkowska, 94

# BIOCALCOL KLAWE




Registrita je n-ro 1241 per Ministerio de Internaj Aferoj, preparato kurac-nutra, apogita je rezultatoj de plej novaj esploroj pri minerala ŝtofŝanĝo.

Enhavas plej raciajn salojn de kalcio kun acidoj de kreskaĵa deveno, ankaŭ vitaminojn A, B, D, kaj E en koncentrita formo.

*Indikoj*: raĥito, ĉiuj formoj de tuberkulozo, malordoj de endokrinaj glandoj kaj vegetativa sistemo, astenio kaj ĉiuj statoj de elĉerpiĝo de l'organismo.

*Dozoj*. 2 ĝis 4 mezuroj 3foje tage en akvo aŭ lakto.

BIOCALCOL'ON oni ne devas kuiri.

Flakonoj ĉirkaŭ 100,0 da pulvoro.

SOCIETO DE ĤEMIA-FARMACIA INDUSTRIO

**d. Magister Klawe,** S. A.

**WARSZAWA**



Surmeto de la vundo-klemoj.

Aesculap-INSTRUMENTOJ estas haveblaj en ĉi-rilataj magazenoj ĉiulande. Bonvolu atenti la Aesculap-markon (enregistrita Fabrik-marko)




# AESCULAP-WEKA

vundo-klemoj (v. Wachenfeldt-Kifa's — patento)

Rapida kaj sekura saniĝo!

Rapida sendolora forigo!

Pli malmultekosta ĉe uzo ol ordinaraj vundo-klemoj.




Sendolora forigo de la vundo-klemoj

Impr. Médicale et Scient., rue Botanique, 34, Bruxelles.